# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

https://translate.google.com/

PLENUMITA 18/08/2016 Ducentokdektria eldono 18/08/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Marcel Leereveld**



**SENDATA AL 305.** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Ekstudis pli ol **495,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

La 6-an de Aŭgusto la interreto festis sian 25-an naskiĝdatrevenon

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Radio pri Esperanto en Sidnejo

http://bit.ly/2aLgbgd




Kara Roger,

La parto pri Esperanto komenciĝas je 12minutoj 50 Jen pli bona ligo kiu enhavas la finon, kiam vi mencias "junk"! Kaj estas bela foto de la toĉemizo de la belga esperantisto.

http://allthebestradio.com/shows/1621-eating-elephants/ Amike, Nicole



★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



## La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

Sabaton la 20an Aŭgusto ni ree kunvenos. Venu, ĝuu la etoson kaj uzu vian Esperanton!

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Central Coast and Newcastle Esperanto Clubs

Dimanĉon, la 21.an de Augusto, 2016 11:45 ATM. Albert's Café 3 Railway Sq. Wyong

Eĉ malgranda raporto suficas por reklami vian klubon kaj montru ke ĝi ekzistas.
Sendu raportojn al AE pri via klubo. rogerspringer@tpg.com.au

# Pri landnomoj. Ĉu Esperanto iam estis lingvo tute sen esceptoj?



Komentoj de Ŝandor Monostori

Eĉ se ni uzas la originalajn landnomojn kiel Zamenhof faris, ne eblas ĉiujn landnomojn formi tiel tute senescepte.

En Pollando / Polujo loĝas poloj sed en Nederlando ne loĝas nederoj sed nederlandanoj. Kial do la lando ne nomiĝas Nederlandanujo?

Se en Finnlando loĝas finnoj kial la lando ne nomiĝas Finnujo?

Ĉu Argentino estas edzino de Argento? Ĉu en Argentino loĝas argentinanoj aŭ argentinoj loĝas en Argentinujo kaj iliaj edzoj, la argentoj en Argentujo?

Ĉu en iama Ĉeĥoslovakio loĝis ĉeĥoslovakoj aŭ ĉeĥoj kaj slovakoj kiel nun en "Ĉeĥujo" kaj "Slovakujo".

Se ĉinoj loĝas en Ĉinujo ĉu ĉiloj loĝas en Ĉilujo aŭ ĉilianoj loĝas en Ĉilianujo?

Se danoj loĝas en Danujo ĉu egiptoj loĝas en Egiptujo aŭ egiptanoj loĝas en Egiptanujo?

Filipinoj jam estas landnomo en pluralo, ĉu tie loĝas filipinojanoj, filipinoj kaj filipoj do gefilipoj?

Ĉu indonezianoj loĝas en Indonezianujo aŭ indonezoj loĝas en Indonezujo?

Esperanto neniam estis tute senescepta. Bonŝance la plimulto de esperantistoj ĝuas la vivan lingvon kiel ĝi estas kaj ĝuas la amikecon de alilanduloj kaj nek freneziĝas pri landnomoj nek klopodas frenezigi kaj ofendi aliajn.

Amike, Ŝandor Monostori

# Aglutineco funkcianta (= at work).



En iu melburna ĵurnalo mi renkontis kelkajn anglajn aglutinaĵojn longajn. (En germanaj ĵurnaloj oni kutime trovas multajn da tiaj). Jen ili estas:

1). "The plane had sent signals indicating smoke via the automatic AIRCRAFT COMMUNICATIONS ADDRESSING AND REPORTING SYSTEM". Esperante: La flugmaŝino estis sendinta FUMINDIKANTAJN signalojn per la aŭtomata AEROPLANKOMUNIKĜUSTIG- KAJ RAPORTSISTEMO. Tristan plifaciligis ĝin al: Per la aŭtomata SISTEMO ĜUSTIGI KAJ RAPORTI AVIADILKOMUNIKOJN, la flugmaŝino estis sendinta signalojn indikantajn fumon. Notu ke la angla frazo, kvankam la vortoj ne estas kungluitaj kiel en la aliaj aglutinaj lingvoj, estas tamen aglutina vortkombinaĵo ĉar la vicordo de la ĉefliteraj vortoj estas aglutina kaj ili kune indikas nur unu (komplikan) nocion. La ĉefelemento sekvas sian flankelementon kiu estas ĉefelemento por sia flankelemento antaŭ si, k.t.p, same kiel en "iron ore mine" = "a mine for ore of iron", nur unu nocio.

2). "The SAMARCO IRON ORE MINE DAM DISASTER COMPENSATION AGREEMENT". Esperante: La SAMARCO-FERMINERALMINDIGKATASTROFKOMPENSKONSENTO (KONTRAKTO). Neaglutina lingvo dirus The agreement of compensation for the disaster at the dam of the Samarco mine for ore of iron. Fakte ĉiuj aglutinaĵoj originas en tiaj neaglutinaj analizaj prepozitivaj formoj. Kontraŭe al la germana kaj angla plenaglutinaj formoj Esperanto tendencas uzi nur mallongajn kunmetaĵojn de du aŭ tri vortoj: La KOMPENSKONSENTO por la DIGOKATASTROFO ĉe la FERMINERALMINO SAMARCO.

3). Kontraste, la sama ĵurnalo enhavis la sekvantan frazon, en kiu troviĝas neniu aglutinaĵo: "The Centre for innate immunity and infectious diseases at the Hudson Institute of Medical Research." Aglutina angla frazo estus "The Hudson medical research institute's innate immunity and infection disease centre". En Esperanto: "La Hudson-medicinesplorinstituta ennaskitimun- kaj infektmalsancentro", kio estas en bona Esperanto "La centro por ennaskita imuno kaj infektaj malsanoj ĉe la Hudson-medicinesplorinstituto". Evidente en tiaj longaj esprimoj Esperanto uzas parte aglutinajn kaj parte prepozitivajn formojn, eĉ en la nomoj: "Lernkampmarcelo" fariĝas "Marcelo (de) Lernkampo".

Marcel Leereveld.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

★★★ Kara Roger,



Koran dankon pro via bela novaĝletero!
Mi transsendos ĝin al membroj de Esperanto-Societo de Kawasaki kaj aliaj japanaj Esperantistoj.

★★★ Kara Chris,



Koran dankon pro via gvido al la lernejo! Tio estis tre interesa. Bv. transdoni mian Saluton al viaj afablaj kolegoj. Kaj Hisasi kaj mi estis tre ĝojaj havi komunan tempon en la bona kafejo ĉe QVB.
Mi kune sendas kelkajn fotojn.

Ĝis revido! Amike, Ikuko KITAGAWA

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

esperantoĉemizo

vi estas ĉi tie: hejmo → esperanto-gramatiko → esperanto-gramatiko sur 30 paĝoj

Nur 30 DIN A 5 paĝojn oni bezonas por koncize montri la gramatikon de Esperanto.

Esperanto-gramatiko sur 30 paĝoj — de estro — Laste modifita: 2016-07-01 17:27

30-paĝaj gramatikoj

Karaj kaj estimataj,
jen nur la informo, ke mia hejmpaĝo nun estas atingebla ankaŭ per http://esperanto-gramatiko.saluton.dk .
Mendoj kompreneble ĉiam estas bonvenaj.
Amike,
Peter Weide
(Kaj jes, prilaboro de la hejmpaĝo urĝe necesas. Mi scias. ☺)
http://esperanto-gramatiko.saluton.dk/esperanto-gramatiko/Esperanto-gramatiko%20informoj/

esperanto
internacia lingvo